14 a JARO — JANUARO - MAJO 1923 — N. 1—5

# Brazila  Esperantisto

OFICIALA ORGANO DE
BRAZILA LIGO ESPERANTISTA
REDAKCIO—Praça 15 de Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO



## SEPA BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

Rio de Janeiro—19-24 APRILO 1923



*Ĉeestantaro ĉe la Palaco de l' Festoj*

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

**(Liga Esperantista Brasileira)**

**B. L. E.**

*(Reconhecida de Utilidade Publica por Decreto n. 4356, de 26 de Outubro de 1921)*

Unuiĝo Kreas Forton

## ESTATUTOS

Art. 1º — A BRAZILA LIGO ESPERANTISTA (B. L. E.), fundada em 21 de Julho de 1907, com séde na cidade do Rio de Janeiro, tem por fim:

a) Dirigir a propaganda geral do Esperanto no Brasil;

b) Fazer propaganda do Brasil no estrangeiro por meio do Esperanto;

c) Colligar e auxiliar os grupos esperantistas;

d) Organizar regulamentos para exames de Esperanto e dar os respectivos diplomas;

e) Promover a creação de cursos superiores e por correspondencia;

f) Representar a opinião dos esperantistas brasileiros que lhe forem filiados:

g) Superintender a organização de congressos brasileiros de Esperanto;

h) Editar o BRAZILA ESPERANTISTO.

Art. 2º — A «Brazila Ligo Esperantista» consiste de:

a) Socios fundadores;

b) Socios isolados;

c) Socios bemfeitores;

d) Socios honorarios;

e) Grupos filiados (sociedades, associações, clubs, etc.)

§ 1º — São socios fundadores todos os que se achavam quites em 13 de Dezembro de 1913.

§ 2º — São socios isolados todos os que pagam uma contribuição annual de 5$000.

§ 3º — E' socio bemfeitor toda a pessôa que fizer á B. L. E. uma doação de, pelo menos, 200$000.

§ 4º — E' socio honorario toda a pessôa que prestar grandes serviços á B. L. E. Este titulo será dado por um congresso brasileiro de Esperanto.

§ 5 — São grupos filiados todos os que, acceitando este regulamento, pagam uma quota annual de, pelo menos, 15$000, correspondente a seis socios, a razão de 2$500 cada um.

§ 6º — Os pagamentos são feitos adiantadamente.

Art. 3º — A «Brazila Ligo Esperantista» não intervem nas questões que dizem respeito á vida interna dos grupos filiados, que podem livremente agir, segundo os seus estatutos.

Art. 4º — Os socios têm direito a:

a) Receber gratuitamente o «Brazila Esperantisto», orgam official da B. L. E.

b) Gosar de abatimento nos livros ou outras publicações feitas pela B. L. E.

1º — Os grupos filiados podem, gratuitamente, publicar no orgam official informações sobre o movimento esperantista local.

Art. 5º — A «Brazila Ligo Esperantista» reunir-se-á em sessões ordinarias de seis em seis mezes, nas quaes tomarão parte os membros da directoria, os socios isolados e os delegados dos grupos filiados.

§ 1º — Os membros da directoria e os socios isolados têm direito a um voto cada um.

§ 2º — Os delegados de grupo filiado têm direito a tantos votos quantas vezes a contribuição total do grupo contiver a quota annual de um socio isolado. Esses votos poderão ser accumulados por um delegado ou repartidos por dois ou mais.

Art. 6º — A «Brazila Ligo Esperantista» será dirigida por uma directoria composta de um presidente, um vice-presidente, um secretario geral, dois secretarios e um thesoureiro.

§ unico — A directoria será eleita durante os Congressos Brasileiros de Esperanto, ou em assembléa geral se houver um intervallo superior a dois annos entre dois Congressos.

..............................................

## ESTRARO de B. L. E.

*Honora prez* — D-ro Everardo Backheuser.
*Prezidanto* — Ing. A. Couto Fernandes.
*Vicprezidanto* — D-ro Venancio da Silva.
*Ĝenerala sek* — Ing. H. Motta Mendes.
*1ª sek* — S-ro Odillo Pinto.
*2ª sek* — F-ino Yrany Baggi de Araujo.
*Kasisto* — S-ro E. Felix Tribouillet.

———

## GRUPOJ ALĜINTAJ AL «B. L. E.»

1. BRAZILA KLUBO «ESPERANTO». (1906) Sidejo: *Praça 15 de Novembro, 101, Rio de Janeiro.*
2. ESPERANTO - KLUBO DE ARACAJU'. (1907). Sidejo. *Aracajú, Sergipe.*
3. VIRINA KLUBO. (1912) Sidejo: *Rua General Severiano, 170, Rio de Janeiro.*
4. GRUPO ESPERANTISTA «COUTO FERNANDES». (1914). Sidejo: *Rua Collares Moreira, 116. S. Luiz. Maranhão.*
5. NOVA SAM'DEANARO.(1919). *Rua Tristão Gonçalves, 246. Fortaleza. Ceará.*
6. ESPERANTISTA RONDETO «VERDA STELO» (1919). *São Bonifacio. Correio de Theresopolis. S. Catharina.*
7. VERDA STELARO. (1920). *Rua Paysandú, 781. Pelotas. Rio Grande Sul.*
8. ESPERANTISTA GRUPO «ENERGIO». (1921). *Instituto Historico e Geographico. Belém. Pará.*
9. LABORISTA ESPERANTISTA GRUPO. (1921). *Camerino, 16. Rio de Janeiro.*
10. ESPERANTA SOCIETO DE BAHIA (1922) *Calçada do Bomfim, 122. S. Salvador. Bahia.*
11. GRUPO ESPERANTISTA DE S. PAULO (1922) *Assembléa, 76. S. Paulo. S. Paulo.*

———

## Tarifo por anoncoj

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | Paĝo ............ | 40 | Fr. | francaj. | 24$000 |
| 1/2 | » ............ | 25 | » | » | 15$000 |
| 1/4 | » ............ | 13 | » | » | 8$000 |
| 1/8 | » ............ | 8 | » | » | 5$000 |
| 1/16 | » ............ | 5 | » | » | 3$000 |

Rabatoj: 2 enpresoj 5 %, 3 enpresoj 10 %, 6 enpresoj 20 %.
Procento al la anonckolektantoj 10 %.

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

*14-a Jaro* *Numero 1-5*

Aliĝo al B. L. E. 5$000
Jarabono eksterlande Fr. 5
(Franca valoro)

Januaro-Majo 1923

REDAKCIO—Praça 15 Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO


# SEPA BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

## Rio de Janeiro. 19-24 Aprilo 1923



*Solena malferma kunsido. D-ro João Luiz Alves, Ministro de l' Interno, oficialaj reprezentantoj, s-ro Medeiros e Albuquerque kaj la estraro de l' Kongreso.*

Bone inspirita estis sendube la ideo de Brazila Ligo Esperantista efektivigi la Sepan Brazilan Kongreson de Esperanto kiel unu el la memorigaj kongresoj de la Unua Cenjara Datreveno de la Brazila Sendependeco.

Efektive ĝi estis tiel brilega kaj sukcesplena, kiel ni ne povus antaŭvidi.

Meritas la dankon de la brazila esperantistaro la Organiza Komitato, konsistanta el la jenaj personoj: d-ro Heitor Beltrão, prezidanto; inĝ. João Pinto Pessôa, vicprezidanto; d-ro Carlos Domingues, ĝen. sekretario; s-ro Alcindo Terra, unua sekretario; s-ro Antonio Vaz, dua sekretario; f-ino Esther Bloomfield,

kasistino kaj s-roj Alberto Emilio do Amaral, kapitano João Arnoldi Bosisio, profesoroj Quirino de Oliveira, Orlando Frederico kaj Eustorgio Wanderley kaj Romão Laurindo de Cerqueira, helpantoj.

Akceptis la titolon de Honora Prezidanto de l' Kongreso s-roj droj João Luiz Alves, Ministro de l' Interno, kaj Felix Pacheco, Ministro de l' Ekstero,kaj d-ro Pires do Rio, Ministro de l' Publikaj Laboroj, permesis senpagan telegrafadon.

Krom granda nombro da esperantistoj, aliĝis al la kongreso la registaroj de la jenaj Ŝtatoj: Amazonas, Pará, Maranhão, Piauhy, Rio Grande do Norte, Parahyba, Pernambuco, Alagoas, Sergipe, Bahia, Espirito Santo, Rio de Janeiro, Paraná, S. Catharina, Minas Geraes, Goyaz, Matto Grosso kaj teritorio Acre, gravaj komercaj, industriaj, sciencaj, religiaj kaj laboristaj asocioj, kies listo ni publikigas aliloke.

D-ro Godofredo Vianna, prezidanto de Ŝtato Maranhão, monhelpis la kongreson kaj sendis specialan delegiton.

## Prepara Kunsido

La 19an de Aprilo, je la 16a, en la honora salono de Societo de Geografio, okazis la prepara kunsido, sub la prezido de d-ro Heitor Beltrão, prezidanto de la Organiza Komitato.

D-ro Carlos Domingues, ĝenerala sekretario, legis la raporton de la Komitato kaj poste, laŭ propono de d-ro A. Couto Fernandes, oni aklamis la jenan estraron: Prezidanto — d-ro Leonel Gonzaga da Fonseca, Vicprezidantoj — subkolonelo José Silveira Sobrinho kaj s-ro Domingos Perdigão, ĝen. sekretario — d-ro J. B. de Mello e Souza, unua sekretariino — f-ino Maria Luiza Bocayuva kaj dua sekretario — s-ro Antonio Vaz. D-ro Leonel Gonzaga dankas. D-ro Mello e Souza prezentas projeton de regularo por la estontaj kongresoj.

## Solena malferma kunsido

Je la 20a, en la belega Palaco de l' Festoj de la Internacia Ekspozicio, okazis la solena malferma kunsido, sub la prezido de d-ro João Luiz Alves, Ministro de l' Interno.

Gin ĉeestis s-ro kapitano Fausto Ferraz d'Elly, oficiala reprezentanto de d-ro Arthur Bernardes, prezidanto de la Respubliko, la reprezentantoj de la ministroj de Ekstero, Milito, Agrikulturo kaj Publikaj Laboroj, de la Ŝtatoj kaj asocioj aliĝintaj kaj aliaj gravaj personoj.

La vasta salono de la Palaco estis tute homplena.

D-ro João Luiz Alves malfermis la kunsidon kaj, post la legado de telegramoj kaj leteroj, donis la parolon al s-ro akademiano José Medeiros Albuquerque, kiu faris la oficialan malferman paroladon, kiun la ĉeestantaro varmege aplaŭdis.

Poste parolis salutante la kongreson, en Esperanto, s-ro Domingos Perdigão, oficiala delegito de Ŝtato Maranhão; d-ro Heitor Beltrão, oficiala reprezentanto de Statoj Pernambuco kaj Rio Grande Norte kaj de «Esperanta Societo de Bahia»; d-ro Alberto Couto Fernandes, prezidanto de «Brazila Ligo Esperantista», kaj reprezentanto de «Esperanto Klubo de Aracajú» kaj de «Brazila Katolika Unuiĝo»; subkolonelo José Silveira Sobrinho, prezidanto de «Brazila Klubo Esperanto»; f ino Yrany Baggi de Araujo, reprezentantino de «Virina Klubo»; s-ro Antonio Vaz, ĝenerala sekretario de «Laborista Esperantista Grupo»; d-ro Carlos Domingos, reprezentanto de «Esperanto Volley-Ball Klubo» kaj profesoro Francisco de Almeida, reprezentanto de «Instituto Benjamin Constant» (por blinduloj) kaj, en portugala lingvo, d-ro Henrique Autran, oficiala reprezentanto de Stato Bahia kaj s-ro Aleixo Alves de Souza, reprezentanto de «Teozofia Societo».

D-ro João Luiz Alves sin deklaris ravita pro tio ke li prezidas tiun kongreson, kiu esperebie bonege efikos. Li tre fidas al Esperanto kaj estas certa ke la tuta ĉeestantaro tre ŝatis la paroladojn faritajn. Kiel pruvon de la oficiala apogo, li citas la fakton, ke Brazila Ligo Esperantista estas rekonita kiel publikutileca societo kaj ricevas subvencion de la registaro. Kvankam mone malgranda, tamen ĝi havas grandan moralan valoron. La fakto, ke li, kiel ministro de la Publika Instruado, prezidas la kongreson, signifas ke la brazila registaro daŭrigas rigardi tre simpatie la propagandon de Esperanto. (Longa aplaŭdado).

Sekvis bonega koncerto, en kiu partoprenis la jenaj personoj: f-inoj Emilia Colonna do Amaral, Adaltiva Brandão, Lydia Fernandes Brasil, Maria Luiza Bocayuva, Olga Torres de Carvalho kaj Luiza Cesar, d-ro Luiz de Lima Vianna kaj la geknaboj Ruy kaj Olga Jacobina.

## Literatura Horo

La 20 an de Aprilo, je la 16a, okazis en la beleta teatro «Trianon» tre interesa literatura kunveno.

Ĝi komenciĝis per la himno «La Espero» ludita de profesoro Quirino de Oliveira.

La kunveno konsistis el la jenaj paroladetoj;

«*Esperanto kaj la Universala Paco.* — Generalo J. M. Moreira Guimarães.

«*Printempo kaj Saŭdado*» — F-ino Maria Luiza Bocayuva.

«*La neŭtrala lingvo en la komercaj rilatoj*» — D-ro Heitor Beltrão.

«*Esperanto kaj la Poetaro*»— D-ro J. B. de Mello e Souza.

«*La Pioniroj de la Frateco*» — Prof. Lindolpho Xavier.

## Esperantista Vespermanĝo

Je la 19a, en la restoracio «A Vegetariana», efektiĝis gaja vespermanĝo. La salono estis bele ornamita per floroj kaj esperantaj estas vera realaĵo. Li tuj fariĝis esperantisto kaj estas preta fervore labori por la bela kreitaĵo de Zamenhof. Lin respondis per sprita parolado d-ro Heitor Beltrão.

## Katolika Diservo

La 21an de Aprilo, je la 9a, la katolikaj kongresanoj ĉeestis, ĉe la preĝejo de la Kruco de l'Militistoj, meson faritan de kanoniko d-ro Francisco Mac-Dowell, fama religia oratoro, kiu estis la ĝenerala sekretario de la Brazila Eŭkaristia Kongreso.

Je la Evangelio li faris belan predikon pri «Esperanto kaj la Katolika Eklezio». Finante li proponis la fondon, en Rio de Janeiro, de Katolika Esperantista Societo.

Apud la altaro staris knabineto kunportante la esperantistan standardon.

Dum la meso oni kantis la preĝon «Saluton Mario» en Esperanto, kaj poste la *Vojon*,



*Solena malferma kunsido. Partoprenintoj en la koncerto*

flagoj. Je la deserto d-ro Carlos Domingues legis spritan raporton de la antaŭa manĝo kaj oni elektis s-ro Ismael Gomes Braga, kiel raportonton.

Petante permeson por paroli en portugala lingvo, d-ro Porto da Silveira, konata ĵurnalisto, deklaris ke li ĉiam konsideris Esperanton, kiel utopion, sed nun li konstatis ke ĝi kun akompano de bonega orkestro.

## Ekskurso al «Pão de Assucar»

La saman tagon, la kongresanoj akompanataj de siaj familioj, faris gajan kaj agrablan promenadon al la fama monto «Pão de Assucar» (Sukerpano), la genuo de la Stona

Giganto. La vetero estis belega. La veturado estas farita per aera fervojo, pri kiu detale priskribis nia neforgesebla Nuno Baena en sia libro «Ama Stelaro».

Dum la veturo kaj sur la supro oni povis ĝui belegajn vidaĵojn. Tie oni organizis interesan literaturan kaj muzikan kunvenon, en kiu partoprenis bonega orkestro direktata de s-ro Ferreira Netto.

Poste oni dancis ĝis la sesa vespere, kiam oni komencis la malsupreniron.

## Esperanta Tago

La 22a de Aprilo estis konsiderata de la Organiza Komitato de la Internacia Ekspozicio «Esperanta Tago».

Je la 16a, 400 skoltoj de la Asocio de Brazilaj Katolikaj Skoltoj kaj de la Asocio de Marskoltoj kunportante la esperantistan standardon faris evoluojn, homaĝe al la Kongreso, antaŭ la Palaco de l' Festoj, sur kies teraso staris multaj kongresanoj kaj aliaj personoj. Poste la muzikistaro de la Divizio de Skoltoj de Gloria ludis la himnon «La Espero», al kiu respondis la kongresanoj per brua aplaŭdado.

Brazila Ligo Esperantista dissendigis en la Ekspoziciejo multajn broŝurojn kaj foliojn de propagando.

## Inaŭguro de kadro de profesoroj aprobitaj

Antaŭ la vizito al la Ekspozicio multaj kongresanoj kunvenis ĉe la sidejo de Brazila Ligo Esperantisto por ĉeesti la inaŭguron de kadro de la lastaj «profesoroj aprobitaj».

Parolis profesoro d-ro Carlos Domingues kaj d-ro Couto Fernandes, direktinto de l' kurso.

En la kadro, krom bela alegorio, estas la portretoj de d-ro Zamenhof, de s-ro Couto Fernandes kaj de la geprofesoroj f-inoj Esther Bloomfield, Maria Luiza Bocayuva, Violeta Paim kaj Haydéa Ferreira kaj s-roj Carlos Domingues kaj Odillo Pinto.

## Reprezentado en Gimnastika Klubo

La 23an vespere okazis en «Portugala Gimnastika Klubo» bela festo, kies programo estis la jena: *Amo per proverboj*, komedio de A. Azevedo, tradukita esperanten de A. Couto Fernandes, ludita de f-ino Maria Cesar kaj s-ro H. Motta Mendes;

*Ne parolu al mi pri tio*, komedio de propagando en portugala lingvo, de H X., ludita de s-ino Elvira Boni kaj s-roj Ernesto Paes, Leonides Telles, Amilcar Boni, Olgier Lacerda kaj Henrique Chamarelli, geanoj de Centro Germinal;

Monologoj kaj poezioj deklamitaj de f-inoj Carolina Boni, Ruth Mascarenhas kaj Francisca Ilidia Jacobina kaj s-roj Jayme Paraiso kaj Eustorgio Wanderley.

D-ro Raul Pederneiras, konata ĵurnalisto, profesoro kaj membro de la Brazila Literatura Akademio, faris per rapidaj krajonstrekoj tre interesajn karikaturojn. Li finis per la portreto de d ro Zamenhof, kiun li ornamis per verda stelo kaj la vorto «antaŭen!»

## Solena ferma kunsido

La 24an, je la 20a, ĉe la luksa salono de la Asocio de Komercoficistoj, okazis la solena ferma kunsido. La salono, bele ornamita per floroj kaj esperantaj flagoj, estis plenplenega.

Antaŭ ol komenci la kunsidon la muzikistaro de la Fajrestingista Brigado ludis la himnon «La Espero»., kiun la ĉeestantaro aŭdis starante.

Sidis ĉe la estrara tablo, dekstre de la Prezidanto, d-ro Perillo Gomes, reprezentanto de l'Ministro de Ekstero. Aliaj ministroj kaj Ŝtatestroj sendis reprezentantojn.

La ĝenerala sekretario legis multajn telegramojn ricevitajn.

D ro Venancio da Silva, vicprezidanto de Brazila Ligo Esperantista, faris belegan paroladon pri la «Vivo de Zamenhof».

Poste parolis deputito Ascendino Cunha, reprezentanto de Ŝtato Parahyba, kaj rusa samideano, s-ro Adolfo Miropolskyj, kies parolado estas tradukita portugalen de d-ro Mello e Souza. D ro Couto Fernandes proponis ke oni metu en la protokolon dankan voĉdonon al d-ro Arthur Bernardes, prezidanto de la Respubliko, kiu sendis reprezentanton al la solena malferma kunsido. Subkolonelo Silveira Sobrinho proponas similan voĉdonon al s-roj Ministroj de Interno, de Ekstero, de Agrikulturo, de Milito kaj de Publikaj Laboroj.

D-ro Mello e Souza salutis la brazilan gazetaron, pli kaj pli favoran al Esperanto.

En la nomo de la brazila gazetaro elokvente kaj entuziasme parolis d-ro Porto da Silveira, redaktoro de «Jornal do Brasil»

Antaŭ ol fermi la kunsidon d-ro Leonel Gonzaga, prezidanto, faris paroladon, en kiu li komparis la sukcesojn de la antaŭajn kon-

gresoj kun tiuj de la Sepa kaj dankis ĉiujn, kiuj kunlaboris por ties brilego.

Sekvis tre interesa koncerto, en kiu partoprenis f-inoj Maria de Lourdes Torres kaj Francisca Ilidia Jacobina, s-ino Elza Barrozo, profesoro Carlos de Carvalho, s-roj Iberê Gomes Grosso, Oscar Borgerth Filho kaj Quirino de Oliveira kaj la knabino Olga Jacobina.

Finiĝis la koncerto per la himno «La Espero» kantita de 20 kongresaninoj.

### Telegramo de la Vicprezidanto de la Respubliko

D-ro Estacio Coimbra, vicprezidanto de la Brazila Respubliko, sendis al d-ro Heitor Beltrão, prezidanto de la Organiza Komitato la jenan telegramon: «Forestinte, mi ne povis akcepti vian inviton ĉeesti la malfermon de l' Kongreso de Esperanto. Mi gratulas vin pro ĝia sukceso. Korajn salutojn. *Estacio Coimbra*»

### Brazila Ligo Esperantista

Estas reelektita la jena estraro de Brazila Ligo Esperantista : inĝ A. Couto Fernandes, prezidanto; d-ro Venancio da Silva, vicprezidanto ; inĝ. H. Motta Mendes, ĝen. sekretario; s-ro Odillo Pinto, unua sekretario ; f-ino Yrany Baggi de Araujo, dua sekretariino kaj s-ro E. Felix Tribouillet, kasisto.

Laŭ decido de la kongreso, la kunvenoj de la Ligo okazos dufojojn ĉiujare.

### Dankesprimoj

Dum la laboraj kunsidoj oni aprobis dankesprimojn al la prezidantoj de la Ŝtatoj aliĝintaj, al senatano José Euzebio, deputitoj José Augusto, Tavares Cavalcanti, kaj Augusto de Lima, al la oficialaj oratoroj, al la asocioj kaj personoj, kiuj aliĝis kiel bonfarintaj kongresanoj, al la «Klubo de Inĝenieroj», kiu aprobis gravan decidon por Esperanto, al la brazila gazetaro kaj, precipe, al «Jornal do Commercio», kiu publikigis la tutajn paroladojn kaj decidojn de la kongreso.



*Kelkaj partoprenintoj en la Esperantista vespermanĝo*

### Decidoj

La Kongreso decidis:

— Aprobi la agadon de la estraro de Brazila Ligo Esperantista dum la lasta jaro.

— Aprobi la regularon por la estontaj kongresoj.

— Lasi al B. L. E. la taskon elekti la plej konvenan lokon kaj okazon por efektivigi la Okan Kongreson.

— Peti ke la klera brazila profesoraro ĉiam pregresema, akompanu la fremdan profesoraron en la spertoj faritaj pri Esperanto en la lernejoj kaj montru ilian rezultaton.

— Rekomendi la fondon en Rio de Janeiro de Esperantista Komerca Grupo.

— Konsili al la tuta laboristaro la lernadon de la helpa lingvo Esperanto.

— Fari alvokon al la brazila studentaro por ke ili uzu Esperanton en siaj rilatoj eksterlanden.

— Inviti ĉiujn tutmondajn esperantistojn kaj, precipe, ĉiujn esperantajn asociojn monhelpi, laŭ volo kaj povo, la subtenadon de de «Esperanta Ligilo».

— Rekomendi al la brazila esperantistaro la monkolekton por la monumento al Zamenhof starigota en Varsovio.

### Noto

S-ro Kolonelo Luiz Lobo, reprezentanto de Ŝtato Pará, deklaris en la nomo de ĝia prezidanto, ke la registaro intencas starigi, kiam eble, kurson de Esperanto en la Komerca Praktika Lernejo, en Belem.

## Brazila Gazetaro kaj Esperanto

Jen estas la gazetoj, kiuj dum la monatoj Januaro, Februaro, Marto, Aprilo kaj Majo de l' nuna jaro publikigis artikolojn, telegramojn, sciigojn kaj fotografaĵojn pri Esperanto :

PARA'.—*Estado do Pará* (Belém).

MARANHÃO.—*Diario Official*, *O Jornal*, *Diario de S. Luiz*, *O Commercio*, *O Tempo* kaj *A Pacotilha* (S. Luiz).

CEARA'.— *Correio do Ceará*, *Diario do Ceará*, *Nordeste* kaj *Phenix*.

RIO GRANDE DO NORTE.— *O Mossoroense* kaj *O Nordeste* (Mossoró).

PARAHYBA DO NORTE. — *A União* (Parahyba).

PERNAMBUCO.—*Diario de Pernambuco*, *Jornal do Recife*, *A Provincia* kaj *Jornal do Commercio* (Recife).

ALAGOAS.—*A Noite*, *Gazeta de Noticias*, kaj *Diario da Manhã* (Maceió).

SERGIPE.—*Jornal do Povo* kaj *Sergipe Jornal* (Aracajú).

BAHIA.—*O Imparcial*, *Diario de Noticias* kaj *A Tarde* (S. Salvador). *Correio de Alagoinhas* (Alagoinhas).

ESPIRITO SANTO.— *Diario da Manhã* (Victoria).

RIO DE JANEIRO.—*O Commercio* (Petropolis).

S. PAULO.—*Nova Gente* (S. Paulo).

PARANA'.—*Gazeta do Povo*, *Commercio do Paraná*, *Diario da Tarde*, *Gazeta da Tarde* kaj *A Republica* (Coritiba).

STA. CATHARINA. — *Die Rundschau* (Brusque).

RIO GRANDE DO SUL. — *A Federação*, *Correio do Povo*, *Vaterland*, *Neue Deutsche Zeitung* kaj *Deutsches Volksblatt* (Porto Alegre) ; *O Rebate*, *A Opinião Publica* kaj *Jornal da Manhã* (Pelotas).

MINAS GERAES. — *Minas Geraes* kaj *Diario de Minas* (Bello Horizonte) ; *Diario Mercantil* (Juiz de Fóra) ; *Pará de Minas* (Pará) ; *O Municipio* (Cataguazes).

GOYAZ.—*O Democrata* (Goyaz).

MATTO GROSSO. — *O Matto Grosso* (Cuyabá).

RIO DE JANEIRO.—*Jornal do Commercio*, *O Imparcial*, *O Paiz*, *A Noite*, *Correio da Manhã*, *O Jornal*, *Jornal do Brasil*, *A Folha*, *Rio Jornal*, *Gazeta de Noticias*, *A Patria*, *A Rua*, *A Noticia*, *O Dia*, *O Malho*, *Fon-Fon*, *Careta*, *Revista da Semana*, *O Tico-Tico*, *Medicamenta*, *A Educação*, *Gazeta da Bolsa*, *O Escoteiro*, *Sempre Alerta !*, *Monitor Mercantil* kaj *O Ensino*.

## Relação dos Estados que adheriram ao Congresso e seus respectivos representantes.

AMAZONAS — Dr. Rego Monteiro Filho.
PARA' — Tte. Coronel Luiz Lobo.
MARANHÃO — Sr. Domingos Perdigão.
PIAUHY — Senador Pires Rebello.
RIO GRANDE DO NORTE—Dr. Heitor Beltrão.
PARAHYBA — Deputado Ascendino Cunha.
PERNAMBUCO — Dr. Heitor Beltrão.
ALAGOAS — Senador Mendonça Martins.
SERGIPE — ..............................
BAHIA — Dr. Henrique Autran.
ESPIRITO SANTO —Senador Marcilio Lacerda.
RIO DE JANEIRO—Major Feliciano Sodré.
PARANA'— Deputado Lindolpho Pessôa.
S. CATHARINA—Dr. Edmundo Luz Pinto.
MINAS GERAES — Deputado Augusto de Lima.
GOYAZ—Senador Hermenegildo Moraes.
MATTO GROSSO— Deputado João Celestino.
TERRITORIO DO ACRE— Dr. Moraes Mattos.

## Relação dos delegados da Commissão Organizadora nos Estados.

PARA' — Sr. Dorival de Sant'Anna Lopes, Travessa S. Matheus, 32 A—Belém.

MARANHÃO—Sr. Domingos Perdigão, rua Collares Moreira, 116, S. Luiz, e Sr. José de Alencar Pereira de Castro. Madre Deus, 30.

PIAUHY—Sr. Arthur Freire, Telegraphos, Therezina.

CEARA'—Sr. Eurico Pinto Pereira, Gen. Sampaio, 330, Fortaleza.

RIO GRANDE DO NORTE—Dr. José Ferreira de Souza, Delegacia Fiscal, Natal, e Sr. Targino Soares, Mossoró.

PARAHYBA—Conego Mathias Freire, Parahyba do Norte.

PERNAMBUCO — Dr. Methodio Maranhão, S. João, 340, Recife.

ALAGOAS—Sr. Paulino Santiago, Rua Nova, 9, Maceió.

SERGIPE— Dr. Alcibiades Correia Paes, Aracajú.

BAHIA—Sr. Arsenio Moreira da Silva, Calçada do Bomfim, 122, S. Salvador, e Carlos de Souza Cunha, Alagoinhas.

ESPIRITO SANTO — Dr. Arthur Lourenço de Araujo Primo, Misael Penna, 3, Victoria.

S. PAULO — Dr. Arthur Brown, Assembléa, 76, S. Paulo.

PARANA' — Sr. Renato Cartaxo, Rosario, 28, Coritiba.

STA. CATHARINA—Dr. Jose A. Boiteux, Florianopolis.

RIO GRANDE DO SUL—Dr. Carlos Lisbôa Ribeiro, Duque de Caxias, 110, Porto Alegre, e Dr. Bruno Lima, Bibliotheca Publica, Pelotas.

MINAS GERAES— Sr. José Felippe de Azeredo Coutinho, Av. Contorno, 4.897, Bello Horizonte, e Dr. Benjamin Colucci, Av. Rio Branco, 3263, Juiz de Fóra.

GOYAZ—Dr. Antonio Perillo, Goyaz.

MATTO GROSSO — Sr. Ezequiel Ribeiro Siqueira, Cuyabá.

## Relação das associações que adheriram como congressistas bemfeitoras e seus representantes.

*Rio de Janeiro*

ASSOCIAÇÃO COMMERCIAL — Sr. Victorino Moreira.

SOCIEDADE DE GEOGRAPHIA— Gen. dr. J. M. Moreira Guimarães, dr. Lindolpho Xavier e Sr. La Fayette Côrtes.

ASSOCIAÇÃO DOS EMPREGADOS NO COMMERCIO—Sr. Alvaro Guimarães.

UNIÃO DOS EMPREGADOS DO COMMERCIO —Sr. Armando de Virgiliis.

CENTRO DO COMMERCIO DO CAFE' — Sr. Galeno Gomes.

## Relação das Associações, Estabelecimentos de Ensino, etc., que adheriram ao Congresso e seus respectivos representantes.

*Rio de Janeiro*

UNIÃO CATHOLICA BRASILEIRA—Eng. A. Couto Fernandes e Sr. Eugenio Labanca.

ASSOCIAÇÃO DE ESCOTEIROS CATHOLICOS DO BRASIL—Dr. João Peixoto Fortuna.

CENTRO DO COMMERCIO E INDUSTRIA — Sr. Oswaldo Loureiro.

SOCIEDADE NACIONAL DE AGRICULTURA — Drs. Hannibal Porto e Julio E. da Silva Araujo.

ALLIANÇA DOS TRABALHADORES EM MARCENARIA—Sr. Roberto Morena.

CENTRO ESPIRITA CARIDADE— Sr. Alberto Silvares.

FEDERAÇÃO ESPIRITA BRASILEIRA — Dr. Luiz Guilhon Ribeiro e Sr. Alcindo Terra.

UNIÃO DOS OPERARIOS EM CONSTRUCÇÃO CIVIL—Sr. José Pires.

CLUB DE ENGENHARIA — Dr. Valentim Dunham.

SOCIEDADE DE MEDICINA E CIRURGIA — Drs. Leonel Gonzaga, Theophilo de Almeida e Americo Silva Pinto.

UNIÃO ESPIRITA SUBURBANA— Srs. José M. Tosta, dr. J. C. Moreira Guimarães e Luciryo Novaes.

LIGA DO COMMERCIO—Sr. Oscar Ferreira de Carvalho.

COMMISSÃO DE ESCOTEIROS DO CENTENARIO—Srs. Guilherme Azambuja Neves, A. H. Jensen e dr. Mario França.

INSTITUTO BENJAMIN CONSTANT — Professor Francisco de Almeida Junior.

SOCIEDADE THEOSOPHICA—Sr. Aleixo Alves de Souza.

FLUMINENSE FOOT-BALL CLUB—Sr. A. H. Jensen.

ASSOCIAÇÃO BRASILEIRA DE IMPRENSA —Dr. Raul Pederneiras.

*Recife (Pernambuco)*

FACULDADE DE DIREITO — Dr. Annibal Freire.

*Maceió (Alagoas)*

SOCIEDADE PERSEVERANÇA E AUXILIO DOS EMPREGADOS NO COMMERCIO.

*Alagoinhas (Bahia)*

CORREIO DE ALAGOINHAS.

*Victoria (Espirito Santo)*

ASSOCIAÇÃO COMMERCIAL.

## PRINTEMPO KAJ SAUDADO

*Parolado farita de f-ino Maria Luiza Bocayuva, cê "Trianon" la 22an de Aprilo.*

Gesinjoroj :

Du sentoj, vivegaj ambaŭ, kunlaboras en ĉi tiu momento por eksalti la koron de tiu, kiu devas paroli al vi.

Esence neharmoniaj kaj malsamcelaj, pro mistera forto, kiun mi ne scias klarigi al vi, mi sentas, ke ili akordiĝas mirinde en la korpremecoj de mia kompàtinda animo malkvieta kaj timema.

Ĝojo kaj malĝojo — jen estas la du magnetoj fortegaj, kiuj neforpuŝeble altiras min.

Ĝojo, pro tiu ke ni revidas nin tie ĉi en dolĉa kaj frata kunveno ; ĝojo, ĉar mi konstatas la ĉiutagan progresadon de via laŭdinda afero ; ĝojo, ĉar mi certigas la rezultatojn pli kaj pli produktemajn de via obstina penado ; ĝojo, unuvorte, kaj ĝojo nedirebla, ĉar mi konkludas, ke ni venkas la malfacilaĵojn de la vojo, superante la rifojn, kuraĝigitaj per neŝancelebla fido, kiu senfervoriĝis neniam, sed, kontraŭe, pligrandiĝas, plifortiĝas.

Malĝojo — kaj kiom profunda mi sentas ĝin, vidante min tiel malgranda, eĉ preskaŭ premegata pro la nekomparebla majesto de la nobla scenejo, belege disvastiĝanta antaŭ miaj okuloj mirigitaj.

Kiel paroli pri Zamenhof en ĉi tiu soleno ? Kion diri pri Lia genia elpenso, pri tiu idiomo antaŭdestinita esti uzata kaj komprenata de ĉiuj teraj popoloj, « fleksebla kaj belsona », vera himno de amo—konsekvenco de la konkordsoifo universala.

Zamenhof ! neforgesebla Majstro amata ! oni povas bone diri al vi la belegajn versojn dediĉitaj de Machado de Assis al José de Alencar — nia glora kaj senmorta romanverkisto :

« *Hão de os annos volver, não como as neves*
*De alheios climas, de geladas côres ;*
*Hão de os annos volver, mas como as flôres,*
*Sobre o teu nome, vividas e leves...* »

Do, gesinjoroj, pardonu, ke al la granda-valoraj penadoj de tiel kuraĝaj batalantoj, mi povas nur kunigi la eron malgrandetan de mia helpo. Sed humila pro kompleta manko de meritoj, mi alportas al la Sepa Brazila Kongreso de Esperanto mian senvaloran kunlaboron sub la aŭspicio de la mirinda inspiro de Coelho Netto — nia samlanda verkisto.

Nur tiamaniere mi povas esperi tiun nevideblan forton, pri kiu parolis Olavo Bilac en sia belega parolado en la Brazila Akademio—la forto de Tupan super la malsana Piaga diranta al la gentoj :

« *Escute-me Tupan ! Sobre vós outros,*
*Poder do maracá por mim tangido,*
*Os sonhos desçam, quando desce o orvalho.*»

Kortuŝis min multege la profunda ekkrio de dolora plendo de la klera, talenta beletristikisto, kiu ĵus perdis la virteman dudekkvaran junulon — inspiranton de la plej viva patra saŭdado.

Kaj serĉante ion por okupi vian ĝentilan atenton, mi konsiliĝis kun la koro, kaj en obstinega, significa insisteco, ĝi montris al mi la literaturan juvelon de Coelho Netto, «Printempo», kiun mi tradukis esperanten petegante por la senĉesaj mankoj de mia modesta laboro vian senliman bonvolon.

### « Printempo

(*Coelho Netto*)

Animo de l' Vivo, Printempo, vi ĉiam restariĝanta el la neĝo, plena de floroj, tiom da floroj, ke sufiĉege vi disĵetas ilin sur la kampojn, ornamas montarojn kaj rokojn, plenigas la valojn, tapiŝas liile la akvojn, ĝojigas la stepojn, vivigas la senfruktajn ebenaĵojn, kaj, ĉar en viaj freŝaj manoj ili restas ankoraŭ, vi disĵetas ilin sur la malnovajn murojn de la ruinoj, sur la humilajn tombojn de l' tombejoj, kovrante ilin per via malavareco, kial vi venis al mia malgrandeta bedo eltranĉi la floron, kiu estis la konsolo kaj la ĉarmo de du koroj, kiuj defendis ĝin, kiel la folioj defendas la naskiĝantan burĝonon ekflorantan ?

Riĉa, vi agis kiel la avarulo, kiu havante trezoron, rigardas envieme la malriĉan monskatoleton ; kaj ĝis li ne sukcesas ĝin posedi, ne kvietiĝas lia ambicio.

Tio, kion vi forportis, malmulte pligrandigas vian riĉaĵon, kaj ĝi estis ĉio en la hejmo, nun mizera. Ĝi estis la varmo, la lumo, la forto kaj la ĝojo de du malfortuloj ; ĝi estis la espero de du simpluloj ; la religio de du fideluloj ; donaco de Dio sur la altaro de du piuloj ; la lumo de du feliĉuloj, kiuj, nun, kun senpupilaj okuloj, marŝas, palpe, kiel blinduloj, el kiuj oni forprenis la gvidiston, forlasante ilin sidantaj sur tomba ŝtono.

Kruela estas via ambicio, Printempo !

Vi ne scias, kion vi havas, tiel mirinda estas via florado, kaj vi elprenis la malmulton, kiu estis la riĉeco de ia hejmo.

Posedante riveron, vi ensorbis la rosguton, kiu estis inter du koroj. Estante brilo, kiel la suno, vi estingis la malgrandetan flamon de nia hejma lampo. Fruktigante la tutan Naturon vi pasis ĉe ni kvazaŭ falĉistino.

Antaŭe, je la alproksimiĝo de via monato, mia animo ĝojegis antaŭĝuante la spektaklon ĉiam novan de la ĝermo de l'burĝonoj kaj de la pepado de l'senplumaj birdoj en la nestoj, kaj antaŭ ilia apero sur la verda tero, mi anoncis viajn unuajn produktojn per ĝojegaj laŭdadoj.

Nun, kiam la vintraj nebulegoj iom post iom sin akvigos, kaj la tagoj pliheliĝos kaj varmiĝos je la suno, kaj bonodoriĝos je via

elspiraĵo, niaj koroj, plenaj de saŭdado, glaciiĝados, kaj al la burĝonoj el la teroj respondos en ili la dornoj de la doloroj, per kiuj vi senkompate ilin vundis.

Kaj, kiam ĉiuj, ĝojege, dankemaj pro viaj malavaraj favoroj, kantos entuziasme vian alvenon, ni rememorante vian kruelaĵon, forkuros de viaj floroj, de via lumo, surdaj al la pepadoj de la senplumaj birdoj, al la sonora murmuro de l' neĝoj fluantaj je graciaj riveretoj, kaj violetkolora figuros al ni la ĉiela bluo diafana, senfina tombo la florpena tero, kaj via imponeco, renovantino de l'vivo, ne efikos sur niaj animoj.

Vi, kiu per via magio eligas el la ŝtono la saksifragon; vi, kiu vivigas la sekan sablan monteton, kovrante ĝin per verdaj folioj, same kiel la piema patrino ornamas per akantoj la filan tombon; vi, kiu animas ĉion, ne revivigos per via dia potenco la ĝojon en la koroj, kiujn vi perfide funebris; vi, kiu triumfas el la vintro, ne triumfos el nia malĝojo, ho! eterna Forto, eterna kreantino, kiu estis por ni la Morto.

Printempo, kian malbonon ni faris al vi?

Ju pli bela kaj foliriĉa vi estos, des pli ni plendos vian kruelaĵon.

Kreantino de lilioj kaj rozoj, kian malbonon ni faris al vi?

Ĉion, kion vi produktos kaj vekos, estos por ni motivo de melankolio, ĉar ĝi rememorigos al ni la perfidon de via rideto.

Kiam la venteto de l'silentaj noktoj alportos al ni la kamparan odoron, venos ankaŭ la imago de l'foririnto, kaj ni, ĝin sentante en la parfumo, malbenos vian fatalan povon, Printempo!

Preferinda estas la vintro kun siaj larmemaj tagoj kaj siaj noktoj glaciaj!

Surdaj estis niaj oreloj al la blekegoj de l'uraganoj, ne vidis niaj okuloj la neĝan vualon kovrantan la arbaron, la torentan pluvegon fluantan sur la vojoj, la tutan malĝojan sekvantaron de tiu sezono, ĉar estis ĉe ni la filo amata plivarmigante nian korpon, kunmanĝante la panon de nia tablo, li, kiu estis nia morgaŭa tago, nia estonto, la verda folio, kiu ĝermis en nia maljuneco.

Kaj vi venis, eniris nian florplenan domon, kvazaŭ fianĉino, lin kunportis kaj lin kaŝis por ĉiam en tombejo!

La terkulturisto, kiu en florbedon enterigas la semon, laboras por la Vivo, kaj vi, Printempo, kion vi faris el tio, kion vi kunportis?

Kion diros pri ni, tiuj, kiuj nin vidos en funebro dum via gaja sezono, en nigraj vestoj meze de viaj floroj, plorantajn kaj ĝemantajn en la ridema bruado de la Naturo?

Novan floron vi volis, kaj vi serĉis tiun, kiun nia amo kaŝis tiel konfide, ke ni ne timis la Morton.

Kaj ni estas perfiditaj de la Vivo, ĉar estis vi, kiu nin forrabis, Printempo!

Vi, kiu reverdigas trunkojn forlasitajn de la arbohakistoj en la arbaro; vi, kiu vivigas flore la putrajn marĉojn; vi, kiu efektivigas miraklajn reviviĝojn en la tuta naturo; vi, ĉiupova; vi, vivigantino; vi, kontraŭulino de la Morto; vi, inspirantino de l'Genezo; vi, kiu estas la Vorto de Dio; vi, ho, bena sezono! vi, kiu estas la juneco, produktema Printempo, floro de l'Eterneco, kian malbonon ni faris al vi, por ke vi eniru nian florpenan domon, kvazaŭ feste, por mortigi per via veneno la filon de nia amo, la konsolon de niaj ĉagrenoj, la helpon de nia maljuneco?

Kial vi perfidis nin, Printempo, Vivo de la Naturo kaj Morto de nia feliĉo?»

Vi konas nun la kaŭzon de la mistera persisteco.

La ĉagrena sufero de Coelho Netto profunde resonas en la vasta kaj sentema koro de l'mondo esperantista.

Printempo ridema kaj kruela eniris ankaŭ la domon de esperantista familio, kaj kunportis sindoneman apostolon de Zamenhof, persisteman batalantam de la homara feliĉo, la animon samtempe idealistan kaj praktikan de Nuno Baena, kies forestado dum la festoj de nia Kongreso kortuŝas nin pro senlima saŭdado.

« Ĝis reveno, favora Sesa Kongreso » (li diris). Revenu la proksiman jaron alportante al ni la Sepan plibeligita, pligrandigita, instruita de via ekzemplo, profitinta de via fruktodona laboro. »

Jen estas la Sepa, laŭ lia revo, plibeligita, pligrandigita. Sed Printempo senkompate ne permesis, ke li partoprenu la plenumiĝon de sia bondeziro.

Kie li estas, kion li faras?

*«Formas da materia que eu em vão desnudo*
*Que invisiveis forças e almas encobris?*
*Quem o sabe? A morte que conhece tudo...*
*Mas o enigma impresso no seu labio mudo*
*Só na treva aos mortos é que a morte o diz!»*

Sed, ploregata Majstro:

*«... o que mais nos punge e martyrisa*
*A ferida fatal que nunca cicatriza*

*E' a saudade : o pensar que nunca mais veremos*
*Uma imagem que nós no coração trazemos*
*Dia e noite comnosco, o que é tão bom revêl-a*
*Depois que a gente vê que já não pode vêl-a.»*

Certe de la mistera loko, en kiu alteflugas lia belega animo, li kuraĝigas tiujn, kiuj sub la aŭspicio de la verda stelo, marŝas konfideme, kun la okuloj sur la nobla idealo de lumo, de harmonio, de universala frateco.

Tiu estas nia kredo, lasu, ke ni konservu ĝin,

*«Deixa que suba a prece e que a esperança fique*
*A' flor dos corações como algas sobre o mar.*

## Brazila Ligo Esperantista

### 4ª Kunsido

La 6an de Januaro okazis la 4ª ĝenerala kunsido de B. L. E., sub la prezido de s-ro A. Couto Fernandes.

La 1ª Sekretario, s-ro Odillo Pinto, legis la protokolon de la antaŭa kunsido, kiu estas aprobita.

Laŭ propono de s-ro prezidanto, oni decidis prokrasti la malfermon de la Sepa Kongreso.

S-ro Ismael Braga proponis ke oni metu en la protokolon kondolencan voĉdonon pro la morto de la geesperantistoj d-ro Nuno Baena, generalo Manoel Portilho Bentes, Alekso Fanzéres, Joaquim Teixeira de Magalhães kaj s-inoj Adelina Lopes Vieira kaj Maria Chalréo.

S-ro subkolonelo José Silveira Sobrinho proponis ke oni metu en la protokolon dankan voĉdonon al s-roj deputitoj José Augusto, Tavares Cavalcanti, Augusto de Lima, Gonçalves Maia kaj eks-deputito Medeiros e Albuquerque, pro iliaj laboroj por la projekto, ĵus aprobita, pri ekzamenoj de Esperanto en Kolegio Petro Dua.

F-ino Yrany Baggi de Araujo proponis ke speciala komitato iru al la Deputitara Ĉambro por sin gratuli kun d-ro José Augusto pro la aprobo de lia projekto.

Ĉiuj proponoj estas unuanime aprobitaj.

## Ora medalo

**La premia juĝantaro de la Internacia Ekspozicio de Rio de Janeiro ĵus donis al Brazila Ligo Esperautista "oran medalon" pro ĝia bonega elmontro de esperantaĵoj.**

## Kuriozaĵo de l'esperanta propagando

La suba karikaturaĵo aperis antaŭ kelkaj jaroj en ĵurnalo de Porto Alegre. Per ĝi oni vidas la fervoran varmecan entuziasmon, per kiu nia bona kaj malnova samideano S-ro Chr. Kræmer propagandas Esperanton ĉe l'rondo de sia amikaro. S-ro Kræmer perforte kompreNigas la dekses regulojn kaj trioblan aron da bonegaj argumentoj al vArbota samideano, kies palto eble perdos butonojn, sed certe ricevos, kompence, pluvegon da ŝvitgutoj.




*Mia unua leciono de Esperanto*
Memoraĵo al la bona amiko Chr. Kræmer.
*M. Weingarten*
Porto Alegre, 15 Julio 1896

## Kolektu monon por la monumento al Zamenhof

